# IREJO - Bulteno

Informilo de Irana Esperantista Junulara Organizo

N-ro : 19 / 20 Julio 1997 Tir 1376



**Sábz Ándiŝan**

reg.n-ro : 9085

Esplor-aplikada instituto pri Internacia lingvo Esperanto



سبز اندیشان

شماره ثبت : ۹۰۸۵

کانون پژوهش و کاربرد زبان بین‌المللی اسپرانتو

تهران ، صندوق پستی ۱۸۴-۱۷۷۶۵

● IREJO-Bulteno خبرنامه داخلی مؤسسه غیرانتفاعی سبزاندیشان ●مدیر مسئول : محمدرضا ترابی

● همکاران این شماره : حمزه شفیعی ، م . فهمی ، نازی صولت ، دکتر ح. رشیدی ، حشمت فرجی ، دکتر کیهان صیادپور



**IREJO - Bulteno**

□Redaktoro : M.Reza Torabi □Eldonaj aferoj : Ábbas Bagestani □Kovrilo : Máhmud Mirbozorgi □Poŝta adreso : P.O.Kesto 17765-184, Tehrano, Irano □Tel: (+98) 21 6236913 □Fakso:+98 21 6233901 □Retpoŝto : IREJO@neda.net■


**Irana Esperantista Junulara Organizo - IREJO**

UEA kodo : irej-n, P.O.Kesto : 17765-184, Tehrano

Fondita en 1372(1993), Landa sekcio de TEJO, Landa filio de ISAE

La Estraro de IREJO :

- ***Prezidanto***: M.Reza Torabi, (Eksteraj Rilatoj, Informado, Planado) p/a : IREJO
- ***Vicprezidantino*** : Fáriba Nuri Máĝd (Virinaj aferoj, Kunvenoj kaj Kunsidoj) p/a : IREJO
- ***Ĝenerala sekretario*** : Hámzeh Ŝáfii (Interasociaj Rilatoj, Pasporta Servo) p/a : P.O.Kesto : 13445-915, Tehrano. Tel : (021) 4506503
- ***Kasisto*** : Ábbas Bagestani (Komputila Rondo) p/a : P.O.Kesto : 13185-618, Tehrano. Tel : (021) 6236913.
- ***Komisiitoj*** :
- Ábdollah Hákim Neĵad (Universitataj aferoj) p/a : IREJO
- D-ro Keyhan Sayadpour (Azia agado) p/a : P.O.Kesto : 91375-3988, Máŝhád. Tel&Fakso : +98 51 649489

## Propono de IJK en Turkio

Kiel multaj el vi karaj legantoj scias, TEJO ĉiu jare organizas kongreson nomatan " Internacia Junulara Kongreso" aŭ IJK en unu lando de la mondo. Pro la ekonomiaj kaj vizaj problemoj, multaj junaj esperantistoj ne havas la ŝancon partopreni en tiuj kongresoj. Pro tio, estas proponita okazigi IJKon dum unu el la venontaj jaroj en la lando Turkio. Tiu kongreso havas jenajn avantaĵojn :

1- Turkio estas malpli multkosta lando ol aliaj eŭropaj landoj, afero interesa por ĉiuj partoprenontoj.

2- Iranaj junaj esperantistoj pli facile povas partopreni, ĉar ne ekzistas viza problemo kaj la lando estas atingebla aŭtobuse de irano.

3- Pli malpli sama avantaĝo ekzistas por la Bulgaraj, Rumanaj kaj eĉ Rusaj gesamideanoj.

4- Kompare al aliaj eŭropaj landoj, vojaĝ-kostoj ne multe ŝanĝiĝos por orient-azianoj, amerikanoj kaj afrikanoj. Nur esperantistoj de riĉaj okcident eŭropaj landoj iom malprofitos pro longa distanco.

Nun, TEJO, Turka Esperanto-Asocio kaj IREJO traktas la aferon kaj serĉas por la ebleco realigi tiun proponon.

D-ro Keyhan Sayadpour

---

Ĉi-numere : Paĝo

## Rimarko pri malmovada afero

Kiam unua foje venis ideo pri fondo de IREJO, ĉiuj sciis ke tiu ne estus facila afero; ĉar ni havis informojn pri la antaŭaj agadoj kaj iliaj rezultoj. Do, ni atendis barojn kaj malfacilaĵojn survoje al la celo. Tiu ĉi atendo donis forton por antaŭeniri, kaj eĉ antaŭ-solvi okazontajn problemojn. IREJO sukcese planis sian agadon kaj ordon de la ago. La plej sukcesa inter IREJO-laboroj estis okazigo de kursoj en kultur-centroj.Fakte tiu estis unu el la plej dolĉaj fruktojn de semoj kiujn IREJO semis, kaj multaj admiris tion.

Unua foje IREJO okazigis E-kurson en Ĥaváran Kulturejo, kaj post sukcesa finiĝo de tiu kurso, planis kursojn en la plej fama kultur-centro de Tehrano, nome Báhmán Kulturejo. La rezulto estis ne-atendite bonega. Kulturej-estraro interesiĝis pri la lingvo kaj promesis helpi por la progreso de la agadoj. Ili favore donis ĉambron por IREJO, kaj multe helpis por organizi kursojn (elementa, meza, altnivela), okazigi du libro-ekspoziciojn, kaj multfoje seminariojn por informigi ĉeestantojn pri la lastatempaj novaĵoj en E-movado. La kulturejo eĉ mem sendis anoncojn de la kursoj por aperigi en ĵurnaloj kaj televido.

En tiu ĉi bone evoluanta situacio, malŝatantoj de IREJO, kiel ĉiam, tendis kaj serĉis oportunon por ataki. Tiu neniam estis malfacila. Aperigis en IREJO-Bulteno karikaturo pri la tipa agado de tiama UEA-ĉefdelegitino en Irano. Mi ne volas juĝi pri la enhavo de tiu desegnaĵo . Legantoj de IREJO-Bulteno mem faris tion. Sed supozante ke ĝi estis tute mensoga kaj erara, kion oni devas fari? Ĉu tuj ataki ĉiujn kaj komenci propagandi kontraŭe de ĉiuj agadoj kaj membroj de la organizo? Pri la enhavoj de la bulteno, la skribantoj mem respondecas kaj ĉiu artikolo aŭ desegnaĵo havas la nomon de la aŭtoro. Neniu liber-pensulo akceptas ke nur pro malbonfaro aŭ eraro de unu persono, haltigu ĉiujn agadojn kaj ĉesigu ĉion.

Bedaŭrindege malamikoj de IREJO faris nekredeblan agon. Post aperiĝo de la desegnaĵo en la bulteno,ekkomencis skandalo kontraŭ IREJO. La estraro de Báhmán Kulturejo ricevis leterojn enhavante fuŝajn frazojn pri IREJO kaj minacojn por haltigi IREJO-aktivadon en la kulturejo. Ridinda estis ke IREJO mem ne ricevis tiujn ĉi leterojn kaj neniu volis respondon de la organizo pri la karikaturo. Nun ni volas amike priparoli tiun ĉi aferon.

Legante la leterojn senditaj al la kulturejo, oni tuj komprenas similecon inter la leteroj, kiu montras planitan agon kontraŭ IREJO. En leteroj oni skribis pri la karikaturo kaj poste tuj demandas haltigon de ĉiuj agadoj de IREJO. Eĉ oni faris timigon kaj minacon al plendi kaj kiel dirite laŭleĝajn kontraŭagojn.Estis nature kaj logike ke por eviti pliajn problemojn kaj skandalojn,la kulturej-estraro iom limitigu Esperantajn aktivadojn.Ni demandas la leter-skribintoj pri la rezulto de

→

## UNU SEMAJNO ĈE ITALA FAMILIO

Dum 3-11an de majo okazis bona oportuno por mi por konatiĝi kun novaj afablaj geesperantistoj italaj ,precipe geedzoj Mareza kaj Aldo kiuj varme gastigis min.Verŝajne sen helpo ĝustatempa de Aldo mi havis grandan problemon por viziti la fakan foiron "PLAST 97" en Milano.

Trapasi inter Itala familio kaj longedaŭran diskutadon dum 7 noktoj estis bona oportuo ambaŭflanke por konatiĝi kun socia-ekonomia situacio de Irano kaj Italio,kiuj laŭ mi,ne nur pri la flagoj sed ankaŭ en diversaj kampoj,estas tre similaj.

Kompreneble Italaj geesperantistoj havis multajn demandojn pri socia situacio en Irano post revulacio,Esperanto-movado en Irano,kialo de progresado de Esperanto en Irano malgraŭ stagnado en ĉi tiu regiono de Azio,...kiujn mi respondis dum varm-etosa kunsido en klubo de Milano eestante ĉ.15 geesperantistoj;POLERANI(Prezidanto),FAO(vicprezidanto) la edzino MAREZA, RODARI(sekretario) kaj la edzino MARIUCCIA, CORRADO kaj la edzino ELDA, CONTI kaj la edzino MARIA, GIACCHINO,...

kompreneble kiam vojaĝo estas tre malfacila por ambaŭ civitanoj (pro malfacilaĵoj pri vizo kiuj ĉiutage pliiĝas) kaj kiam novaĵelsendado ne estas forta kaj neŭtrala (pro politikaj kialoj), ĉi tiaj rilatoj helpus alproksimiĝi realon sen misgvidoj de novaĵelsendiloj.

Dezirante nuliĝo de bariloj inter amikaj rilatoj,mi esperas reviziti miajn novajn Italajn geamikojn, espereble en Irano, kie estas tre interesata por ili.

N.Solat

---

ilia ago. Ĉu ili helpis progreson de E-o? Ĉu tiu ago estis laŭ movade.? Kion ili gajnis?

Toleremo estas la plej bezonata kiam multaj grupoj laboras sur unu kampo. Dum kvar jaroj ni toleris ĉiujn fidirojn kaj atakojn. Sed kelkaj malaktivuloj, kiuj nur scipovas saluti Esperante, eĉ ne povas toleri unu karikaturon, kaj nomas sin demokratiaj kaj movaduloj. Jes, tiuj ĉi "salutistoj" sukcesis limitigi nian agadon en Báhmán-kulturejo, kaj tiu ĉi estas la nura rezulto de ilia ago. Vere la kulturej-estraro decidis tiel, nur por eviti pli grandajn konfliktojn, kaj kvietigi la "salutistojn". Tamen ankoraŭ ni havas semajnan kunsidon tie kaj tiu montras intereson kaj logikan penson de la kulturej-estraro. Krome, nuntempe en alia kultur-centro okazas E-kursoj, kaj IREJO antaŭeniras pli progresigajn fazojn.

Ĉu ne venis tempo ke ni pli logike pensu, kaj ĉiuj klopodu por fortigi la movadon, ne malfortigi unu la alian pere de bataloj kaj kontraŭstaroj?

Hámzeh Ŝáfii

# Senpaga reklamo? - dependas de Vi!

En Hungario estas pluraj movadaj E-centroj, kiuj kunagordas sian agadon en jaraj konferencoj ("Ronda Tablo"). La laste okazinta kunveno en aprilo 97 traktis i.a. la temon "Senpaga reklamo", - kiu estas interesa ankaû por alilandaj esperantistoj.

## Sen reklamo ni mortos!

En la lastaj jaroj reklamado (parto de merkatiko) iĝis aparta scienco, ĝi eksplode plimultiĝas kaj uzas ĉiam pli agresajn metodojn por kapti la atenton de klientoj. Estas klare, ke se ni rezignas pri reklamado, ni perdas eĉ la esperon diskonigi la ekziston de Esperanto (eĉ ne parole pri ĝia plia sukcesigo). Tamen la amasmedia reklamado (unu inter la plej efikaj) kostas grandajn sumojn - kiujn la E-organizoj simple ne havas. (Aû se jes,pri tio okupiĝas la E-asocioj). Tial multaj personoj kaj organizoj ne okupiĝas pri reklamado (opiniante ke aliaj metodoj ne ekzistas aû ne estas efikaj, - tial en la ekstera mondo pli kaj pli elformiĝas la erara opinio pri la formorto de Esperanto. (Sufiĉas nur mencii la mankon de reklamiloj lige al E-aranĝoj eĉ al UK...)

## Ekzistas pluraj eblecoj

Informi pri la ekzisto de nia lingvo oni povas ne nur per radio kaj TV-reklamoj, sed per multaj aliaj metodoj, inter kiuj troviĝas ankaû senpagaj, aû tre malmultekostaj. Ilia sistema uzo povas tre-tre multon helpi pri la elformo de publika bildo, do indas kolekti tiujn metodojn.

Insigno plej elementa eblo estas la konstanta portado de E-insigno (ne gravas kia:ĉu tradicia aû moderna). Multaj ne faras ĝin, ĉar simple ne estas kutimo. Aliflanke multaj grandaj (eĉ internaciaj entreprenoj) devigas siajn manaĝerojn je tio, kaj ĝin kun ĝojo portas ankaû la tieaj laborantoj. Se vi respondas, ke vi ne pretas porti la E-insignon, tio signifas ke vi hontas publike montri vian esperantistecon (en tiu kazo kial vi tamen legas Eventoj-n? Estu fiera!) Ne diru, ke vi ne havas insignon aû via libroservo ne vendas ĝin! Ne necesas pretekstoj, - solvu la aferon! Viaj E-konatoj certe povas helpi kaj ankaû en multaj E-aranĝoj oni vendas la insignojn. Mi vidis pli ol 100 diversajn...

## Loĝej-tabulo

Alia eblo estas meti malgrandan tabulon (aspekto laû via gusto) apud la pordo de via domo/loĝejo. La enhavo povas varii, gravas nur ke aperu la vorto Esperanto. Se vi estas delegito, povas mencii ĝin sur la tabuleto kvazaû kiel via "titolo". Necesas meti la tabulon kompreneble ekstere, kie la preterpasantoj povas vidi ĝin. (En pluretaĝaj domoj ekz. sur la teretaĝa leterkesto.)

## Telefonaj ludoj

En multaj radio- kaj TV-programoj oni ebligas altelefonadon de aŭskultantoj. Kuraĝu eluzi tiun eblon, kaj partoprenu ankaŭ vi! Dum via alparolo vi menciu vian esperantistecon, aŭ Esperanton, aŭ elektu iun kunligitan temon, kiel lingva imperiigo, egalrajteco ktp.

Afiŝtabuloj preskaŭ en ĉiuj laborejoj kaj ankaŭ en lernejoj, universitatoj ekzistas publikaj murtabuloj por afiŝado. Pendigu taŭgan (mallongan sed atentokaptan kaj belaspektan) materialon!

## Anonc-gazetoj

En multaj landoj ekzistas gazetoj, kiuj publikigas privatajn aŭ komercajn anoncetojn de legantoj (ekz. loĝej- kaj aŭto-vendo, instruado, laborlok-oferto ktp). Plejparto de ili postulas malgrandajn sumojn aŭ nenion por tiuj anoncoj. Tiujn gazetojn legas multaj homoj, do indas aperigi anoncetojn pri E-instruado, kunveno de E-klubo. Estas pardonebla kulpo, se iu aperigas eĉ "ne tre verajn" anoncojn. (Ekz. serĉado de nova dungito kun nepra E-lingvoscio aŭ simile... - dependas nur de via fantazio.)

## Gazetartikoloj

Multaj gazetoj aperigas legant-leterojn. Al tre multaj temoj oni povas alligi lingvajn aferojn (NATO, Eŭropo, E-Unio, komputiloj, tekniko, laborlokoj, turismo ktp.). Via eventuala letero ne nepre devas paroli pri E-o, sed povas nur levi la problemon de lingva samrajteco, kaj nur "flanke" mencii Esperanton. Krom legantleteroj vi povas ankaŭ skribi al rubrikestroj de la gazeto kaj proponi la traktadon de tiuj temoj en la gazeto.

## Konkurs-alvokoj

En multaj landoj ekzistas gazetoj, eldonaĵoj kiuj informas pri konkursoj kaj projektoj de diversaj fondaĵoj (ne nepre devas temi pri grandaj sumoj),kaj pri akireblo de diversaj subvencioj. Tiujn eldonaĵojn legas gvidantoj kaj aktivuloj de multaj diversaj societoj, kaj ofte la lokaj regionaj radio-kaj TV-stacioj publikigas ilin senpage. Ankaŭ via loka klubo (aŭ prefere E-societo) povas aperigi (kutime senpage) alvokon pri iu konkurso de E-verkoj, eseoj, videoaĵoj ktp. Foje okazas, ke "pro la nesufiĉa kvalito" oni ne aljuĝas premion...

## Reklamstrioj

Se via loka asocio aŭ klubo povas produkti memgluajn glumarkojn (paperajn aŭ plastajn) - vi povas glui ilin sur (vian) aŭtomobilon, sur diversajn objektojn. Mi povas imagi ankaŭ agadgrupon, kiu gluas tiajn foliojn sur anglalingva afiŝo en la urbo... (postulante la uzon de nacia lingvo)

## Vojaĝoj

Se vi kontaktas eksterlandanon (telefone, persone aŭ dum via turisma vojaĝo) unue provu uzi la Internacian Lingvon! Aspektas tute seniluziige,kiam ankaŭ esperantistoj mem rezignas pri la uzo de nia lingvo en restoracioj, hoteloj, muzeoj kaj tuj komencas per la demando: "Do you speak English? " Estu memevidente, ke unue vi provas Esperanton!

## Demandoj pri E-versio

Aperas amaso de reklamoj pri diversaj aferoj en la gazetoj, sed en pluraj landoj oni sendas al via adreso senpagajn reklam-gazetojn. En tiuj eldonaĵoj ofte aperas ofertoj pri produktoj servoj kun lingva rilato (ekzemple plurlingvaj diversfakaj vortaroj, kodorom-oj eĉ parolantaj kalkuliloj, aparatoj). Skribu al la eldonejoj emandante pri Esperantlingva versio! Tio montros al ili, ke ekzistas deziro havi tiajn eldonojn (des pli,se vi mencias, ke eble la koncerna produkto povas esti utiligata/vendata ankaŭ internacie... Ne forgesu, ke via demando ne devigas vin aĉeti ion ajn, eĉ se tia ekzistas!

## Strat-tabuloj

En pluraj landoj estas kutimo meti tabulojn sur la strato reklami la produktojn de najbara vendejo. Plejofte tiuj tabuloj estas ne-oficialaj (oni ne pagas lu-pagon al la urbo), sed multaj-multaj preterpasantoj ĵetas rigardon al ili. Se iu preparas tian tabulon (el malmultekosta materialo, kartono aŭ plasto) kun reklamslogano kaj metas al trafikplena loko (metroenirejo, trotuaro ktp) povas akiri signifan publikecon. Eble post 1-2 tagoj aŭ post kelkaj horoj oni forigas ĝin, sed la ripeto ne kostas grandan sumon. Oni povas ankaŭ legaligi ĝin - se estas disponebla sumo por tiu celo.

## Murtabuloj

Multaj esperantistoj loĝas apud trafikplenaj vojoj. Kial ne pendigi grandan tabulon sur la muron aŭ sur la barilon kun reklamo pri Esperanto? Ĝi kostas malgrandan sumon (sed ĝi devas aspekti okulfrape kaj bele) - sed longtempe ĝi estas vidata de preterpasantaj ŝoforoj. (En la ĉirkaŭaĵo oni nomas la straton de nia redaktejo "strato Esperanto" ĉar tia tabulo pendigita de ni estas pli granda ol la strat-tabulo...) Imagu la efikon, se multaj esperantistoj farus simile...

## Fieru esti esperantisto!

Mi emfazas, ke konsciigo de la ekzisto de Esperanto estas nia baza postulo. Se vi atendas ĉion de la estraro de via landa asocio - vi mem fosas la tombon por nia ideo. Agu vi mem, kaj instigu agi aliajn! Estu fiera pri via esperantisteco

Laszlo Szilvasi

# PASPORTA SERVO

## Nova eldono alproksimiĝas

Ĉu vi ne jam aûdis pri Pasporta Servo? La internacia reto de gastigantoj? Malmultekosta feriado? Eldono 96/97 enhavis 784 gastigantojn en 68 landoj,kiuj sopire atendis vian viziton, por paroli la lingvon, por montri la ĉirkaûaĵon, por amikiĝi, por ĉio ajn. Ankaû vi fariĝu gastiganto: vi invitos interesajn gastojn al via hejmo laû viaj propraj kondiĉoj,kaj vi senpage ricevos ĉiun novan eldonon de la listo.

Feliĉe, eldono 96/97 de Pasporta Servo furoris; malfeliĉe pro tio ĝi nun estas tute elĉerpita. La Kompila Teamo jam laboradas por ĝustatempe produkti la novan eldonon de Pasporta Servo. Ĝi aperos laûplane en januaro 1998. Responde al multaj petoj, la litertipo estos iom pli granda.

Se vi jam estas gastiganto, vi ne bezonas mem realiĝi. Dum la somero,vi aûtomate ricevos respondilon. Se vi resendas ĝin antaû la limdato,vi aperos en la nova eldono. Se vi ne jam aliĝis kiel gastiganto, rapidu!

Petu aliĝilon de via landa organizanto aû de UEA, kaj plenigu kaj resendu ĝin antaû la limdato al la konstanta adreso ĉe UEA:

Pasporta Servo de TEJO
Nieuwe Binnenweg 176
NL - 3015 BJ Rotterdam,Nederlando
Telefono +31 10 4361044, fakso 4361751

Ankaû eblas elektronike aliĝi. Petu aliĝilon ĉe <lide@worldaccess.nl>. Limdato (strikta!) estas la UNUA DE OKTOBRO 1997. La longa periodo inter la limdato kaj la apero necesas por trakti la centojn da respondiloj kaj aliĝiloj, prepari la libron kaj la mapojn, kaj presigi kaj distribui la libron. Se via aliĝilo aû respondilo alvenas post la limdato, vi ne aperos en la nova eldono!

Cetere, Pasporta Servo de kelka tempo ankaû havas (provizoran) hejmpaĝon en la reto: <http://www.worldaccess.nl/lîde/paspserv.htm>. Ni plibonigos ĝin dum la venontaj monatoj, sed jam ni scivolas pri viaj komentoj.

Do, sendu viajn informojn, aliĝilojn kaj respondilojn antaû la unua de oktobro!

توجه:
فرم PS در دفتر موجود است علاقه مندان با تماس تلفنی و یا مکاتبه می توانند آن را دریافت کنند

---

La Instituto havas novan Telefon- kaj faks-numerojn :
La nova Telefon-numero(ankaû voĉ-registrilo) : +98 21 6236913
La nova Faks-numero : +98 21 6233901

استثناء دو یا چندزبانه‌اند. هر عضو این جامعه وظیفه یادگیری دست‌کم یک زبان بیگانه تا حد مکالمه را پذیرفته است. در اغلب موارد این امر به علاقه‌مندی و یادگیری چندین زبان و عموماً به گسترش افق فکری شخص انجامیده است. **ما اعلام می‌کنیم که اعضای هر جامعه کوچک و بزرگ زبانی باید امکان واقعی تسلط بر زبان دوم را تا سطح بالای ارتباطی داشته باشد. ما جنبشی برای فراهم آوردن این شانس هستیم.**

**۵. حقوق زبانی** : تقسیم نابرابر قدرت در میان زبانها برای بخش عمده‌ای از ساکنان زمین نسخه عدم امنیت زبانی یا سلطه مستقیم زبانی است. در جامعه اسپرانتو سخنگویان هر زبان اعم از کوچک و بزرگ، رسمی یا غیررسمی به دلیل تفاهم جویی متقابل در محیطی بی‌طرف قرار دارند و این تعادل میان حقوق و مسؤلیتهای هر زبان، زمینه ارائه راه‌حلهای دیگری را نیز برای درمان نابرابری و تضاد زبانها فراهم می‌آورد. **ما اعلام می‌کنیم که تفاوتهای گسترده قدرت در میان زبانها آنچه را که در بسیاری از اسناد بین‌المللی برای برخورد یکسان و بدون تبعیض زبانی تضمین شده است، بی‌اعتبار می‌سازد. ما جنبشی برای حقوق زبانها هستیم.**

**۶. تنوع زبانی** : دولتهای ملی اختلافهای عمده‌ای - که همچون سدی در برابر ارتباط و توسعه است - فیمابین زبانهای جهان قائلند. در حالی که گوناگونی زبانی منبعی از ثروت دائم و لازم است، در نتیجه هر زبان ذاتاً ارزشمند بوده و شایسته حفاظت و حمایت است. **ما اعلام می‌کنیم که سیاست ارتباط و توسعه چنانچه بر اساس احترام و حمایت از زبانها نباشد، زبانهای بسیاری را محکوم به نابودی می‌نماید. ما جنبشی برای تنوع زبانی هستیم.**

**۷. آزادی انسانی** : هر زبانی با دادن قدرت ارتباط به سخنگویانش و با مانع شدن ارتباط آنان با سخنگویان زبانهای دیگر آنان را آزاد و در عین حال محبوس می‌سازد. اسپرانتو به عنوان یک وسیله ارتباطی بین‌المللی یکی از طرحهای بزرگ عملی برای آزادی انسانی است. اسپرانتو طرحی است برای تواناساختن هر فرد به همکاری در جامعه جهانی با ریشه‌های مستحکم فرهنگ و هویت زبانی خویش، اما نه محدود به آنها. **ما اعلام می‌کنیم که استفاده انحصاری از زبانهای ملی، ناگزیر مانع آزادی بیان، ارتباط و همبستگی است. ما جنبشی برای آزادی انسانی هستیم.**

---

**این بیانیه در تابستان ۱۳۷۵ در هشتاد و یکمین کنگره جهانی اسپرانتو که در شهر پراگ پایتخت جمهوری چک برگزار شد، صادر گردیده است و تا پایان سال ۱۳۷۵ بیش از ۶۰۰۰ اسپرانتودان از ۱۱۶ کشور جهان آنرا مورد تأیید قرار داده‌اند. علاقه‌مندان جهت دریافت متن بیانیه به دیگر زبانها و یا اطلاعات بیشتر دربارهٔ اسپرانتو به زبانهای دیگر با پست الکترونیک UEA@inter.nl.net مکاتبه کنند.**

# بیانیه جنبش زبان بین‌المللی اسپرانتو

**ما اعضای جنبش جهانی برای پیشبرد اسپرانتو، این بیانیه را برای همه دولتها، سازمانهای بین‌المللی و انسانهای خیرخواه صادر نموده و عزم راسخ خود را برای کار هر چه بیشتر در جهت اهداف زیر اعلام داشته و همه سازمانها و افراد را برای پیوستن به این تلاش دعوت می‌کنیم. اسپرانتو که در سال ۱۸۸۷ میلادی با عنوان زبان کمکی ارتباطات بین‌المللی مطرح گردیده و به سرعت به عنوان یک زبان زنده گسترش یافته، بیش از ۱۰۰ سال است که برای مرتبط ساختن انسانها از فراسوی موانع زبانی و فرهنگی فعالیت نموده و در عین حال اهمیت و واقعیت خود را همچنان حفظ کرده است. به نظر می‌رسد هیچ‌یک از اصول زیر که برای نظم مؤثر زبانی ضروری‌اند نه با استفاده فراملی از چند زبان ملی، نه به وسیله پیشرفتهای فنی و نه با کشف روشهای نوین زبان‌آموزی به واقعیت نخواهد پیوست :**

**۱. دموکراسی :** هر سیستم ارتباطی که گروهی را برای تمام عمر برتری داده و از دیگران می‌خواهد که سالهای پر رنجی را برای رسیدن به درجه اندکی از توانایی سرمایه‌گذاری کنند، اساساً غیر دموکراتیک است. هر چند اسپرانتو نیز همچون هر زبان دیگری کامل نیست، ولی در زمینه ارتباطات برابر جهانی بر رقیبانش برتری دارد. **ما اعلام می‌کنیم که نابرابری زبانی به نابرابری ارتباطات در همه زمینه‌ها به ویژه در سطح بین‌المللی می‌انجامد. ما جنبشی برای ارتباطات دموکراتیک هستیم.**

**۲. آموزش فراملی :** هر زبان به فرهنگ و ملیت(قومیت) خاصی وابسته است. مثلاً دانش‌آموزی که زبان انگلیسی می‌آموزد فرهنگ، جغرافیا و سیاست کشورهای انگلیسی زبان به ویژه آمریکا و بریتانیا را نیز آموزش می‌بیند. اما زبان‌آموز اسپرانتو در باره جهانی بدون مرز که در آن هر کشور به منزله یک خانه است، آموزش می‌بیند. **ما اعلام می‌کنیم که آموزش هر زبان قومی به بخش خاصی از جهان محدود می‌باشد. ما جنبشی برای آموزش فراملی هستیم.**

**۳. تأثیر آموزشی :** تنها درصد ناچیزی از آموزندگان زبانهای بیگانه در آن مهارت می‌یابند. در حالی که تبحر کامل در زبان اسپرانتو حتی با خودآموزی نیز امکان‌پذیر است. آموزشهای زبانهای گوناگون نشانگر اثرات مفیدی بر یادگیری زبانهای دیگر بوده است. اسپرانتو نیز به عنوان بخش کانونی آگاهی دانش‌آموزان در رشته‌های گوناگون توصیه شده است. **ما اعلام می‌کنیم که دشواری زبانهای قومی مانعی همیشگی در برابر اکثر دانش‌آموزان بوده است. بنابراین آنان از دانستن زبان دوم سود خواهند برد. ما جنبشی برای آموزش مؤثر زبان هستیم.**

**۴. چند زبانگی :** سخنگویان جامعه اسپرانتو که یکی از چندین جامعه زبانی در سطح جهان است، بدون

E-movado emas alpaŝi novan periodon. Jen teksto de la Kampanjo 2000 kiun oni prilaboras en la kadro de UEA.Ankaŭ ni povas trovi tre utilajn konsiliojn por pli vigligi la movadon en nia lando.Ĉiuj diskutoj ĉirilate estas ege bonvenaj al la redakcio.

La red.

# KAMPANJO 2000 : AL LA NOVA JARMILO

Profesoro Ivo Lapenna, unu el la antaŭaj prezidantoj de UEA, estis konata pro siaj elstaraj retorikaj kapabloj. Pri kiu ajn temo li sukcesis plorigi la maljunajn membrojn en la unuaj vicoj de la kongres-inaŭgurejo, pensigi la mezaĝajn membroj en la centraj vicoj kaj elvoki amuzajn komentojn de la gejunuloj sidantaj en la lastaj vicoj. Se li vivus nun kaj havus la okazon ekspluati la temon "jarmil-ŝanĝiĝo", li certe farus serion de emociigaj paroladoj. Aliflanke profesoro Lapenna en la longa daŭro ne estos memorata

pro siaj oratoraj kapabloj, tre verŝajne li estos memorata pro siaj organizaj kapabloj kaj pro sia postmilita "konstruado de la moderna UEA"kiel li mem ŝatis difini la gigantan laboron por igi UEA-n agnoskata kaj efika gvid-organo de la Esperanto-movado.

La nunaj komitato kaj la estraro de UEA antaŭ la rapide alproksimiĝanta jaro 2000-a sentis la bezonon reanalizi la staton de la movado kaj montri eblajn evoluvojojn al ĝi. El tio fontas la Kampanjo 2000, pri kiu temas ĉi tiu artikolo. La Kampanjo 2000, kies fina teksto estas en ĉi tiu periodo debatata de la komitato kaj baldaŭ aprobota en sia fina versio, prenas en konsideron la ideojn de la antaŭa laborplano de UEA, kaj ĝi klopodas klare montri kelkajn celojn kaj prioritatojn.

La celoj de la kampanjo estas tri:

- levi la organizan kaj idean nivelon de la Esperanto-komunumo
- levi la prestiĝon de la internacia lingvo
- influi la internacian vivon.

Alivorte oni agnoskas ke la Esperanto-movado en sia nuna konsisto kaj formo estas ankoraŭ bezonata kaj estos ankoraŭ longe bezonata, kiel ĉefa portanto de la internacia lingvo. Tio, kion ni devas fari, estas fortigi ĝin organize kaj idee. Organize niaj landaj asocioj kaj lokaj kluboj devas iĝi pli profesiecaj kaj pli efikaj. Se ili ne havas sidejon, ili devas klopodi akiri ĝin. Se ili ne havas konstantan oficiston, ili devas klopodi akiri ĝin. Ni ne forgesu, krome, ke en multaj landoj esperantistoj apenaŭ ekzistas; ni ne rajtas ripozi ĝis la momento kiam en ĉiu lando ekzistos bone organizita Esperanto-asocio. Idee (kaj lingve) estas ankoraŭ granda spaco por pliboniĝi. Ni devus strebi al situacio en kiu, ĉiuj esperantistoj bone parolas Esperanton kaj konas la ĉefajn celojn de la movado. La Manifesto de Prago estas ilo uzinda ne nur ekster la movado sed ofte ankaŭ interne de ĝi. Se oni mem kleriĝas pri la fenomeno Esperanto oni povos pli bone informi la ĝeneralan publikon.

Tiucele ni devos veni al situacio en kiu ĉiu asocio aŭ klubo (kaj UEA antaŭ ol ĉiuj aliaj) transiras de la nuna situacio al situacio de sistema,aktiva informado al la gxenerala publiko. Ni ekzistas, kiel emfazis Humphrey Tonkin en sia lastaĵ artikoloj en la revuo de UEA, ĉefe por disvastigi Esperanton, kaj nur poste por utiligi ĝin, kreskigi sentojn de solidareco, ktp.

La punkto pri la prestiĝo celas plani informajn agadojn por informi pri la internacia lingvo la klerajn tavolojn de ĉiu socio. La novaĵo,ĉi-rilate,kuŝas nur en la uzo laŭebla de materialo centre produktita kaj loke tradukata kaj disdonata. Tiel ni povos esti certaj ke la nivelo de la argumentado estos la ĝusta.

La punkto pri la internacia vivo estas tiu, kiu plęje altiros la atenton de niaj gazetaj redaktistoj kaj de pluraj membroj de UEA. Temas pri klopodoj alveni al decidoj favoraj al Esperanto ĉe internaciaj organizaĵoj (UN, EU,ktp.). tiurilatajn paŝojn jam estis entreprenitaj de la estraro de UEA, kaj la ĉefa respondeco pri ĉi tiu punkto de la laborplano kuŝos esence ĉe UEA. Tamen lastatempe oni pli kaj pli komprenas ke naciaj registaroj pere de siaj delegitaroj tenas la decidan potencon en tiuj internaciaj organizaĵoj kaj sekve UEA instigos la landajn asociojn helpi per kontaktado kaj influado al siaj naciaj instancoj. Post la vortoj "Kampanjo 2000" sekvos aliaj difinoj, pri kiuj komitatanoj diskutas nun (la plej versxajna kandidato estas "Por nova internacia lingva ordo"), kio donas la sencon de nia tuta agado.Aliaj du ruĝaj fadenoj (se ni rajtas uzi eble nur okcidentecan metaforon)trakuras la tutan kampanjon. Temas pri la rekono de la esenca bezono ke TEJO, la junulara organizaĵo, kaj ILEI, la instruista organizaĵo,fortikiĝu. Foje ekzistas kelkloke la ideo ke la Esperanto-organizaĵoj estas konkurencaj inter si. Se mi sukcesas ŝteli membron de alia organizaĵo, mi kredas esti pli forta. La simpla fakto estas ke ni ne estas konkurencaj sed komplementaj. La plej bona apogo por UEA kuŝus en tre granda fortiĝo de ILEI, kiu akirus dekmil membrojn, havus sidejon en Parizo kaj amason da funkciantaj landaj sekcioj. La plej bona apogo por UEA kuŝus en esenca fortikiĝo de, ekzemple, la nepala landa asocio, kiu iĝus en sia lando eĉ pli forta ol UEA estas internacie. En tiu kadro, la ĉefa ideo estas: ni ĉiuj kresku kaj fortikiĝu. Tiel unu helpos la alian. Aliflanke vi konsideru ke estas vane proponi al Unesko brilajn planojn por instruado de Esperanto en ĉiuj landoj de la mondo, se ILEI ne ekzistas en ĉiujlandoj de la mondo.

Se oni rajtas resumi la spiriton de la kampanjo en unu frazo oni povas diri ke ĝi celas ne nur desuprisman agadon aŭ nur desubisman agadon, ĝi celas kombini la du agado-specojn ĉar nur el tio povas fonti longdaŭra kaj stabila progreso.

Vi rajtas demandi kion devas fari la simpla esperantisto pri la Kampanjo 2000. Vi povas jam nun peti je la komitatanoj, kiuj reprezentas vian landon aŭ vian asocion en la komitato de UEA, kopion de la nuna versio de la kampanja dokumento. Tiun dokumenton vi povas peti ankaŭ je via landa asocio. Se tio montriĝus sensukcesa,



## Vojaĝe

### Japana vojaĝ-raporto

Post multo da atendo kaj grandega prepar-laboro, laste venis tempo de ekvojaĝo. Mi kaj 16 aliaj kolegoj ekflugis al Japanio en la 18-an de majo por pasigi 26-taga teknika kurso en mond-fama kompanio NEC. Tiu ĉi ŝanco estis tre bona oportuno por mi kontakti esperantistojn de Japanio; do mi profitis la okazon kaj multfoje vizitis E-istojn. Ankaŭ mi estis gasto ĉe E-ista familio por unu nokto.

En mia unua vizito de JEI(Japana Esperanto-Instituto) mi atentis bonan organizitan cirkonstancon kaj regulan programon de kunvenoj kaj aliaj aranĝoj. Diskutante diversajn aferojn kun JEI-anoj kaj KAEM-estraranoj(Komisiono pri Azia Esperanto-Movado), mi atingis la rezulton ke Irana E-movado estas sufiĉe konata flanke de eksterlandanoj. Ili entuziasme deziras sekvi la novaĵojn kaj okazintajn progresojn. La problemo estas ke, bedaŭrinde la informoj ne ĉiam estas ĝustaj kaj ni, Iranaj E-istoj, taskas informigi ilin per ĝustaj precizaj kurantaj aferoj. IREJO povas kaj devas plenumi tiun ĉi taskon kaj IREJO-Bulteno, nuntempe la sola informilo pri nuntempa E-movado en Irano, havas grandan rolon ĉi-rilate.

Bedaŭrinde mia libera tempo en Japanio ne estis sufiĉa por pli efike konatiĝi kun la movado en tiu ĉi lando, sed kompare kun Irano,estas bone maturita. Fakte pro tio, ke ekzistas facilaĵoj kaj oportunaĵoj, i.a. loko, oficisto, komputilo, fakso kaj aliaj helpiloj. Mi kore kredas ke se IREJO ankaŭ havis tiujn ĉi eblaĵojn, la situacio estis eble eĉ pli bona ol Japanio.

Mi neniam forgesos tiun ĉi vojaĝon, kiu estis miksaĵo de laboro kaj amuzo, de oficialeco kaj amikeco. Plej helpiganta al mi en tiu ĉi estis s-ro Reza Ĥejr-ĥah kiun multe mi dankas kaj esperas pri kompenso, se tiu intima konduto estus kompensebla.

Fine estas necesa danki ĉiujn Japanajn E-istojn, kiuj helpis kaj gastigis min dum restado, especiale S-ro Klivo, kanada e-isto al kiu mi ŝuldas multe, kaj mi ne trovas taŭgan vorton por esprimi mian senton en vojaĝ-raporto de Japanio.

Hamze Ŝáfii

---

vi povas peti ĝin de la Centra Oficejo de UEA, sed unuavice provu enlande. Poste vi povas ekcerbumi pri la

plej efika maniero igi la kampanjon reala en via medio aŭ loĝloko kaj kunlabori kun via loka klubo kaj landa asocio. Neniu, se ne vi, povas disvastigi Esperanton en via medio aŭ loĝloko. Tion, esence, la kampanjo 2000 petas de vi.

Ni esperas ke ni ĉiuj sukcesos en la komenco de la tria jarmilo igi UEA-n kaj ĉiujn aliajn Esperanto-organizaĵojn esence pli fortaj ol ili estis post la konstruado de la moderna UEA fare de la antaŭa generacio de esperantistoj.

Renato Corsetti

## Konata voĉo

**La skribanto de ĉi suba artikolo estas unu el la unuaj IREJO-subtenantoj kaj ankaû membro de Instituto Sábz Ándiŝan. Ŝi ofte diversmaniere helpas nin kaj oni revas okazigi IJKon en Turkio helpe de ŝi kaj ŝia edzo.**

**Ŝi rakontas al ni pri la antaûaj oraj tagoj de E-movado en nia lando.Estas pripensinda ŝia rakonto kaj rememoro. La red.**

Ekde kiam mi lernis E-on jam pasis dek naû jaroj,dum tiu tempo mi havas pli memoraĵojn ol antaûaj tagoj de la pasintaj jaroj de mia vivo,precipe post la edziniĝo kun Turka esperantisto kaj translekiĝo al Turkio- tiuj memoraĵoj fermiĝis en mi. Dank al fremdaj e-istoj, kiuj ofte vojaĝas al Turkio, ankaû niaj vojaĝoj al eksterlandoj pere de E-o, pro la interesecco de miaj memoraĵo, mi deziras kelkajn rakonti al vi:

Mia konatiĝo kun E-o ankaû estas interesa kaj alloga, en gimnazio ĉiam mi instruis literaturon al lastaj klasoj,iun tagon mi vidis en kurso,ke unu de miaj tre inteligentaj lernantinoj anstataû aûskulti la lecionon legas gazeton kaj tiel profundiĝis en legado ke ne komprenis mian proksimiĝon al si. Mi demandis ŝin ĉu gazeto pli gravas ol la leciono? Ŝi ĝentile respondis: Mia estimata instruistino (Dábire gerami) pardonu min,tamen se vi legus ĉi-tiun artikolon, ankaû vi fariĝus kiel mi! La artikolo estis pri internacia lingvo. Ŝi ĝin donis al mi,estis grava virina revuo. Ni daûrigis la lecionon.

Dum ripoztempo kun granda intereso mi legis la tutan artikolon. Estis skribite tiel bone kaj elekrente,ke mi pensis ke ekzistas ilo,per kiu oni povas dum mallonga tempo lerni la lingvon .Ĝi ankaû havis fotojn de vojaĝantaj Iranaj kaj fremdaj e-istoj, kiuj ŝajnas al mi ke estis la unua grupo kiu vojaĝis al Kastelo Gresillon(Francio), por partopreni en kurso. Mi ne povis imagi ke dum mallonga tempo oni povas tiel rapide lerni, ke kun ĉiuj alilandanoj povi komuniki. Antaûe mi neniam aûdis pri internacia lingvo, kvankam en tiu tempo sufiĉe mi konis la anglan lingvon kaj pere de tiu ne havis ŝancon tutmonde, egalrajte komuniki. Tamen ĉiam mi havis deziron iun tagon unu lingvo internacia.Tiu deziro pli altiĝis dum miaj vojaĝoj eksterlanden, precipe kiam eksterlandanoj ne emis aû ne sciis respondi al mi angle.

Jen pro tio la artikolo en la virina ĵurnalo estis por mi interesa.En sama tago reveninte hejmen, telefone mi demandis Tehranan universitaton por informiĝi pri funkcio de Esperanto-kurso.

Ankaû mi altiris la intereson de mia fratino al E-o. En ĝusta tempo ni duope vizitis la universitaton por enskribiĝi al la funkcianta E-kurso.Kie jam estis ekspoziciata Eeperantaĵoj.La sekretario ĝentile kaj afable respondis al miaj demandoj rilate mia enskribiĝo.Ŝi diris:Bedaûrinde mi ne povas

enskribi vian nomon por la unua kurso,kiu komencos post unu semajno,tamen via vico povas esti por la kurso komenconto post du monatoj. Por ni tiu estis jam reklamo unua, ke sufiĉe multe deziras lerni Esperanton.Jam por du aferoj mi ne havis paciencon du monatojn atendi, unue pro la intereso de E-o kaj due konatiĝo kun famkonata profesoro Saheb Zámani, kies belsonan voĉon tre ofte mi aûdis de radio, kiu komencadis jene:

در اندرون من خسته دل ندانم کیست        که من خموشم و او در فغان و در غوغاست

"Ene de mia laca animo mi ne scias kiu estas,ke mi silentas,tamen li altvoĉe protestas"

Do,mi multe pensis, kaj la rezulton diris al mia fratino,tiel ke post unu semajno ĉiu okaze ni iros al la kurso,se eblas,ni ankaû komencus la kurson.

Je la nomo de Dio(same kiel multe da Islamanoj espirimante la frazon por sukceso) en ĝusta tempo ni iris. Oh, estis tumulto kaj feliĉe ni trovis lokon en la dua vico de granda salono.

Li jam alvenis kaj iris al la katedro,kiam vidis ke multaj staras pro la manko de loko, tiel duon ŝerce diris: Estimataj starantoj, se pensu ke vi ĉiam dum la kurso devus stari,ĉar multaj venis,vidi ĉu E-o gajnigas ilin, kiam komprenas ke ne eblas gajni, lokojn liberiĝos mem.

Jam, li komencis klarigi la kialon kaj bezonon de la lernado de internacia lingvo, li tiel logike kaj konvinke esprimis kaj donis plusajn argumentojn,ke ekde tie vekiĝis en mi simpatio kaj amo al E-o.

Ni daûrigis kurson kaj pasis du monatoj, ke estimata profesoro proponis ke se iu decidas somere vojaĝi al Kastelo Gresillon(Francio) kie pli bone povas lerni la lingvon ankaû konatiĝi kun multaj eksterlandanaj samideanoj. Mi kun mia fratino kaj du amikinoj kandidatiĝis, kaj li kun granda peno aranĝis por ni ĉion.

Bedaûrinde, en tiu tempo al mia familio okazis tre malagrabla kaj neforgesebla okazaĵo,kiu tiel falis nin en granda ĉagreno ke ni decidis rezigni la vojaĝon. Sed mia tre kara profesoro ĉiu tage aû telefone aû pere de amikinoj serĉis nin kaj konvinkis nin por vojaĝo. Li argumentis ke por iom forgesi la ĉagrenon,estas pli bone vojaĝi.

Ni konsentis vojaĝi. Mi ĉiam dankegas lin krom lernado de E-o, ankaû pro tiu vojaĝo. Dank al helpo de li, antaû miaj okuloj malfermiĝis nova horizonto.

Heŝmat Faraji-Yalĉin , Turkio

## La vera blindulo,la reala nutranto

Scienculon bonfarantan embarasis la vivpremo,tiom,ke li ekforgesis Dio-nutranton kaj aliris al pordo de riĉulo mondama kaj diris: Mi audis,ke vi iam donacas al homoj malriĉaj kaj almozdonas.Nun mi puŝata de neceso venis al vi kaj forte meritas vian helpon.

La riĉulo,kiu estis avara,diris:Tion,kion de tempo al tempo mi donacas,estas al blinduloj, vi ne estas blinda kaj du sanajn okulojn vi havas!Scienculo mizere ekvenis al si kaj vidis,ke post jaroj plenaktiva kaj grandanimeca kian eraregon li elfaris.Al riĉulo diris: Vi erare vidas,okaze mi estas la vera blindulo,kiu deturnis sin de la reala nutranto kaj rapidas al avarulo kiel vi.

Do, peneme sinturnis de li kaj foriris. Ĉe tio la riĉulo malavara iomete impresite postkuris revenigi lin,sed la scienculo jam preteratentis lin kaj de tiu abismo humiliga haste distancigis sin.

El la persa literaturo esperantigis: M.Fahmi-Tehrano

---

*D-ro Hejdár Ráŝidi eble estas ununura Afgana esperantisto kiu nun loĝas en nia lando ekde antaŭ 20 jaroj.Li estas membro de Instituto Sábz ándiŝan kaj li ofte kontribuas al nia bulteno per kulturaj ejaĵoj.Nia samideano d-ro Sájadpur en Máŝhad intencas fari intervjuon kun d-ro Ráŝidi kaj mi esperas aperigi ĝin en la venonta bulteno.Notindas ke d-ro Ráŝidi loĝas en urbo Torbát-e Ĝam en Ĥorasan provinco.*

STUDADO ĜIS LA MORTO

"Abu Rejhan Biruni" estis la plej fama islama saĝulo kaj matematikisto.La saĝulo malsane enlitiĝis.Unu el liaj amikoj, kiu estis tre lerta en la islama jurisprodenco,foje vizitis la malsanan saĝulon Tuj demandis la saĝulo lin pri la ordonoj de la heredaĵo (verdikto).La amiko ne volis respondi ĉar la saĝulo estis tre malsana kaj fartis ne bone, dirante: nun ne estas necesa demandi pri ĉi tiu temo.

"Biruni" denove demandis, ho saĝulo diru al mi, kiu estas tre bone?Antaŭ la morto scii ion aŭ ne scii? Mi volas scii, poste morti. Tiam la juristo respondis sian amikon la respondon, kaj eliris, sed tuj mortis la saĝulo.

Do " Biruni" ĝis la morto estis amanta por studado.

Esperantigis: D-ro Hejdár Ráŝidi

## Novaĵoj

### UEA delegito en Kuvajtio

F-ino Fárŝide A. Membro de Sábz Ándiŝan, nun loĝanta en Kuvajtio aperis kiel UEA delegito en tiu lando ĉijare.
Farŝide laboras kiel komputilistino en io firmao kaj ŝi laŭ sia kondiĉo estas sufiĉe aktiva. Dum vizito komence de nova jaro oni havis oportunon diskuti kun ŝi pri la aferoj en Kuvajtio. Ni tre ĝojas ke nia samideanino delegitas UEAn en kuvajtio.

### Novaj UEA-Fakdelegitoj en Irano

En la jarlibro de 1997 novaj vizaĝoj aperis kiel UEA fakdelegitoj kiuj,ĉiuj estas membroj de Sábz Ándiŝan. Inter 26 D kaj FD de UEA en Irano 10 FD estas membroj de Sábz Ándiŝan kiuj laŭ la apero en la jarlibro estas :
1: s-ro Kamali ; 2: d-ro Sayadpour(Mashad) ; 3:s-ro Khosro Abadi ; 4: s-ro Torabi ; 5: s-ro Ŝáfii ; 6:s-ino Kárimi ; 7:s-ro Hákim Neĵad ; 8:f-ino Nuri Máĝd ; 9:s-ro Hábibpur ; 10:s-ro Azárhousháng.

### Esperanto rondo en NEDA servilo

La interretservilo NEDA estas la plej populara kaj vaste disvolvita informreto en Irano.Ekde marto IREJO havas sian propran adreson en ĝi kaj oni starigis Esperanto-rondon en la ret-servilo NEDA kiu nun nombras 76 membrojn .En la inform-dosiero de la rondo estas enmetitaj diversaj informaĵoj kaj novaĵoj pri E-o kaj E-movado en la persa lingvo kaj ĉiuj klientoj de la servilo povas traserĉi, preni, kopii kaj atingi ilin.
Laŭ la enmetitaj informaĵoj en la servilo oni allogis komencantojn al la E-kursoj kiujn senĉesc okazigas IREJO en Tehrano.

### Nova estraro kaj nova stato por IREJO

Dum la ĉijara ĉefkunveno de IREJO 31 06 1376(22 08 97)la membraro elektos novan estraron al la asocio.pli ol 80% de la nuna estraro estos eksiĝitaj ĉar ili aŭ nedeziras reelektiĝi aŭ ilia aĝo superas pli ol 30 jarojn.
Nova teamo gvidos IREJOn ,dum laŭ la novaj kondiĉoj IREJO fariĝos kiel junulara sekcio de Sábz Ándiŝan.
Dum la ĉefkunveno oni traktos pri IREJO kaj ĝia rilato kun Sábz Ándiŝan.

### Burĝonas regionaj aktivadoj por Esperanto

Pli vigliĝas ekster-Tehranaj aktivadoj pri E-o. En Máŝhád,Ráŝt,Tábriz kaj Bruĝerd ekformiĝas lokaj grupoj. De diversaj aliaj urboj oni petas oficialan kunlaboron kun instituto Sábz Ándiŝan .

En Máŝhad nia deligenta samideano d-ro Sajadpur klopodas aranĝi E-kursojn kaj planas regionan movadon.

## Iranaj UEA membroj konsiderinde ĉijare kreskas

UEA ĉijare ekhavis novajn membrojn kiuj pere de instituto Sábz Ándiŝan unua foje membriĝis ĉe UEA,jen rezulto de diversmanieraj agadoj de la instituto.Rimarkindas ke dum pasintaj jaroj multaj malgraŭ siaj deziroj nur pro tio ke ne ekzistis peranto, ne povis membriĝi ĉe UEA sed de la pasinta jaro ade, oni pere de la instituto membriĝas ĉe UEA,mendas E-gazetojn, pagas aliĝkotizojn al E-aranĝoj kaj kongresoj kaj tiel la movado en nia lando fortiĝas kaj disvastiĝas.

## PENTROINSTRUADO PERE DE ESPERANTO

Pentra instruisto deziras instrui pentradon Eperante,en diversaj partoj de la mondo.Lia celo estas disvastigi E-on helpe de pentraarto.

Evidente tiu ĉi afero bezonas helpon kaj kunlaboron E-asocioj, institutoj, organizoj kaj kluboj.

Se oni deziras profiti tiun ĉi eblecon kaj ricevi pliajn informojn bonvolu kontakti kun:

Prof. M. P. Habibpur, P.O.Kesto:14645-133, Tehrano, Irano
Telefono: +98 21 2067136

aŭ lia organiza adreso:

Sábz Ándiŝan Instituto, P.o.Kesto:17765-184,Tehrano,Irano
Tel : +98 21 6236913 Fakso:+98 21 6233901, Retpoŝto: IREJO@neda.net

## JARA ĈEFKUNVENO DE IREJO

Dato:Vendredo 31 06 1376(22 09 1997)

Ejo : IREJO-sidejo : 72, K : Nasim,K:4,Kh:Sarve Ŝárgi, Sáadát Abad

**Programoj:**

-Estrara raporto
-Elekto de nova estraro por periodo 76-78
-Diskutado pri la rilato de IREJO kun Sábz Ándiŝan
-Aliĝo de IREJO kiel la junuara fako de Sábz Ándiŝan
-Diskutado pri E-movado en nia lando
-Elekto de laborgrupo por starigi Irana Esperanto-Asocio(IREA) kaj...

La estraro al ĉiuj membroj petas ĉeeston en la ĉefkunveno

## Anoncoj

Kontakto مجله فرهنگی ، اجتماعی




Kontakto ویژه نوآموزان اسپرانتو

Kontakto با مقالات ، داستانها و مسابقات

Kontakto نه فقط برای نوآموزان ، بلکه برای همه

Kontakto هر دو ماه یکبار منتشر می‌شود.



- O بهای تکشماره ۳۰۰۰ ریال
- O اشتراک سالانه ۱۵۰۰۰ ریال
- O دوره سالهای ۹۵ و ۹۶ هرکدام ۱۵۰۰۰ ریال

نحوه سفارش :

جهت اشتراک و یا دریافت دوره‌های گذشته مبلغ موردنظر را به حساب جاری ۵۰۱ ، شعبه ۱۱۲۲ مشیریه ، بانک صادرات ایران بنام مؤسسه سبزاندیشان واریز نموده و فیش آنرا به نشانی تهران ، صندوق پستی ۱۸۴ - ۱۷۷۶۵ ارسال کنید.

توجه :

جهت دریافت تکشماره ، مبلغ لازم را به صورت تمبر باطل نشده داخل پاکت ارسال کنید.

### نوار کاست رادیو اسپرانتو اتریش

شامل: مصاحبه با اسمو بولر مدیر کل UEA در باره ایران

ودیگر مطالب شنید نی . بها: ۵۵۰۰ ریال








مجله ارزشمند ILEI برای دانش آموزان و نوآموزان اسپرانتو

*هر فصل یکشماره منتشر می‌شود

*قابل اشتراک از طریق مؤسسه با پرداخت ۱۶۰۰۰ ریال اشتراک سالانه